# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 1/2003**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa


## NIA GAZETO KAJ NI

*Kvankam estas jam for la tempo de komenco de la nova jaro kaj glastintado per ĉampano jam silentiĝis, antaŭ ni tamen estas io nova, kion ni ĉiuj senpacience atendas. Ni esperas, ke nia gazeto Esperantisto Slovaka de tiu ĉi jaro tenos kvaronjaran eldonritmon, kaj ke Redakta konsilantaro sukcese plenumos tiun ĉi nefacilan taskon. Mi kredas, ke ni ĉiuj deziras al ili multajn sukcesojn, fidelajn abonantojn kaj interesajn kontribuaĵojn el la vico de membraro kaj ke la gazeto estu ĉiam riĉa kaj alloga.*

*Gratulon al la ĝisnuna laboro kaj sukcesojn por la jaro 2003.*

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ*

**Enhavo**


alvoko de UEA-prezidanto 3
junulara renkontiĝo 4
aranĝo ĉe la najbaroj 5
pri Martinus-Centro 7
kio okazis en SKEF 8
pri IEM 11
fervojista angulo 13
interretaj interesaĵoj 15
ni tralegis por vi 17
intervjuo 19
niaj esperantistoj agas 21
literatura angulo 24
forlasis nin por ĉiam 25
el la leteroj de niaj legantoj 26
krucvortenigmo 27


## Abonpago

Kiel ni jam antaŭanoncis al vi, pro ŝanĝo de la formato de ES kaj neuzado de kolora kovrilo la abonpago povis malplialtiĝi. En la jaro 2003 la jarkolekto (do kvar numeroj) **por slovakoj** kostos **150 Sk**, por **eksterlandanoj** pro pli altaj sendokostoj **200 Sk**. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun danko.

Vi povas pagi
*per la ***poŝtpagilo "A"***
al la adreso de la teknika redaktorino *(Magdaléna FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA)**
aŭ
*sendi la monon el via al ŝia ***bankkonto***,
nome al la konto n-ro 4157045-432/0200 en VÚB
kun la mencio „ES 2003*
Laŭeble **bonvolu sendi la informon pri la pago** al ŝia poŝta adreso aŭ al ŝia retadreso (feificova@vud.sk).
**Rekomendite estas** sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo – tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun nomoj kaj adresoj de la abonantoj.
**GRAVE:** bonvolu por eviti kaoson en abonregistrado ne plu sendadi la monon al la konto de SKEF en Poľnobanka Poprad!
***La redakcio kore dankas al vi.***
**Peranto por Ĉeĥa respubliko plu restas Vladislav HASALA, A. Dvořáka 1, CZ 696 62 STRÁŽNICE.**

***Esperantiston Slovakan por la jaro 2003 abonis ĝis nun:***
*Udo BIRKNER, Halle/Saale, DE; Katarína BODNÁROVÁ, Streda n/Bodrogom; Eva BREZÁNIOVÁ, Rajec; Ľubomír FAJTH, Udiča-Prosné; Magdaléna FEIFIČOVÁ; Žilina; Juraj GONDŽÚR, Žilina; Aŭgusto GROSCH, Halle/Saale, DE; HISPANA ESPERANTO-MUZEO, St. Paŭ d'Ordal, ES; Václav KAPRÁL, Kaznějov, CZ; Jana KOSTOLNÁ, Žilina; Martin MAJTÁN, Rajecké Teplice; Iveta MORGOŠOVÁ, Žilina; Karl NIMMRICHTER, Bischofwerda, DE; Renáta STAŇOVÁ, Žilina; Miroslav VALÁŠEK, Kysucké Nové Mesto*

***Por la kontribuaĵoj de la tiu ĉi numero ni dankas al:***
*K. Bodnárová, R. Corsetti, M. Feifičová, A. Ferreira, J. Gondžúr, H. Gorecka, O. Haszpra, A. Komlóši, S. Mandrak, M. Minich, Z. Pálfyová, J. Reinvart, N. Šándorová, I. Slávik, M. Tomašovičová, R. Valčiukaitė*

Fino de la redakta laboro: 09-03-2003
Eldonkvanto de la numero: 200 ekzempleroj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ
*teknika redaktorino*
Vladimír NĚMEC
*lingva redaktoro*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA-Prosné č. 161
*tel.: 0907/486 866*
*retpoŝto: esperanto@bb.telecom.sk*

*La kontribuaĵojn por la n-ro 2/2003 ni atendas ĝis la 30a de aprilo 2003*

## (R)ESTU MEMBRO DE LA E-KOMUNUMO!

*Mi volas rediri al vi, kial indas esti kaj resti membro de la Esperanto-komunumo. La samon pli-malpli mi jam diris pasintjare, kaj mi restas nun samopinianta. Esence al la ĉiama demando: "Kial finfine mi devus aliĝi al la loka Esperanto-klubo, al la nacia landa asocio, al la asocio de mia fako aŭ hobio, al Universala Esperanto-Asocio?" mi kutimas respondi, ke ekzistas almenaŭ du kialoj:*

*1) La Esperanto-asocioj je ĉiuj niveloj laboras por pli bona mondo, por mondo sen lingva kaj kultura diskriminacio; mallonge dirite, ili laboras por lingva demokratio. Se vi opinias, ke tiu estas bona celo, vi certe volas subteni ilin. Aliĝante al via loka klubo aŭ al monda, nacia aŭ faka asocio (eventuale eĉ al ĉiuj tiuj), vi estos parto de tiu tutmonda Esperanto-movado, kiu de pli ol unu jarcento laboras por homaj lingvaj rajtoj je ĉiuj niveloj, kaj kiu provas konvinki la mondon, ke ankaŭ en la lingva-kultura kampo justeco valoras pli ol forto.*

*2) Samtempe vi eble ŝatas simple esti parto de la komunumo, kiu parolas la internacian lingvon Esperanto. Vi eble ŝatas renkonti aliajn parolantojn de Esperanto, vi ŝatas aĉeti librojn en Esperanto, vi ŝatas vojaĝi al fremdaj landoj, koni ties loĝantojn kaj eventuale eĉ esti gastigata de lokaj esperantistoj. Ĉion ĉi la membroj de Esperanto-asocioj faras des pli nature, estante daŭre informataj per siaj asociaj ligoj pri la revuoj, la libroj, la kongresoj, la ret-listoj kaj la ret-paĝoj, la korespond-anoncoj kaj la vojaĝ-ebloj je sia dispono. Kaj se vi apartenas al la komunumo de tiuj, kiuj normale ŝaltas sian komputilon antaŭ la matenmanĝo, vi trovos (aŭ jam trovis), ke esperantistoj ĉeestas pli kaj pli en la tutmonda reto kaj serĉas kontaktojn kun similaj esperantistoj. La avantaĝoj de asocia membreco estas similaj ankaŭ ĉi-kaze. Ekzistas diversaj diskutgrupoj por UEA-membroj, ekzemple, kaj nuntempe ankaŭ eksperimenta eblo ricevi la revuon Esperanto per Interreto en komputila formato.*

*Do estas grave, ke vi klopodu aliĝi al Esperanto-organizaĵoj je ĉiuj niveloj (loka, landa, faka aŭ internacia). Ni kompreneble invitas vin aliĝi aŭ re-aliĝi al UEA, sed ankaŭ se vi aliĝas nur al faka asocio aŭ al via loka klubo, tio jam estas io bona; kaj se vi aliĝas ankaŭ al via landa asocio, tio estas io ankoraŭ pli bona, ktp. UEA pretas ĉiukaze sendi al aranĝantoj de naciaj aŭ lokaj renkontiĝoj stokon da revuoj de UEA de la pasinta jaro kune kun cirkuleroj por disdonado al la partoprenantoj - oni devas tiurilate nur peti la Centran Oficejon. La celo de nia kampanjo estas "vastigi la komunumon", tio estas vastigi la nombron de organizitaj kaj interligitaj esperantistoj je ĉiu nivelo. Nia ĉefa celo estas ke la membroj de ĉiuj Esperanto-organizaĵoj pliiĝu kaj estu en kontakto inter si. Oni vastigas la komunumon ĉefe per informado pri Esperanto kaj instruado de Esperanto, sed ankaŭ tio estas senefika en la longa daŭro, se la parolantoj de Esperanto ne poste iel restas kune.*

*Ni restas je via dispono por kunlabori kun vi pri tiu ĉi celo.*

*Renato CORSETTI, Prezidanto de UEA <renato.corsetti@co.uea.org>*
*Universala Esperanto-Asocio Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando*
*tel.: +31 10 436 1044; fakso: +31 10 436 1751; retpoŝto: uea@uea.org; TTT: http://www.uea.org*

## EN GERMANA TRIER NOVJARE JUNULARE

La Internacia Seminario (konata kiel IS) estas tradicia aranĝo organizata far Germana Esperanto-Junularo ĉiujare en la semajno limanta la malnovan kaj novan jarojn. Ĉi-jare ĝi okazis en la urbo Trier, sur la rivero Mosel, proksime de la luksemburgia limo. Partoprenis ĝin ĉirkaŭ 300 (aĝe aŭ anime) junaj homoj.

La proklamita ĉi-jara temo estis: ekstremismo - specoj, originoj, efikoj. Dum la semajno okazis multaj prelegoj kaj diskutrondoj, ĉu pri aŭ ĉu ekster la ĉeftemo. Mi persone pleje ŝatis prelegon pri ekstremaj eraroj pri interpretado de statistikaj esploroj, kaj pleje mi bedaŭris maltrafon (verdire: preterdormadon) de la prelego pri Eŭskio - tiea ekstremismo kaj vojo al paco. Krome, prelego pri naturalismaj planlingvoj (occidental), prelego/diskutrondo pri alternativa kontraŭkapitalisma vilaĝo dum estonta (junio 2003) konferenco de G8 en Evian (Francio) - oni ne povas listigi ĉiujn.

Post la taga programo sekvis la vespera - koncertoj (Denis Tamba kaj Afrika Espero, nederlanda-friza folkgrupo Kajto (multaj prifervojaj kantoj), la Kuracistoj (ludis E-igitajn kantojn de la traduknoma germana punkrokgrupo)), teatraĵo pri necesejpapero far la kroata teatra grupo, kaj lastatage internacia vespero.

Post la vespera programo sekvis kompreneble la nokta - ĉu en diskotekejo, ĉu en drinkejo, kaj se oni emas nek, oni povas iri en gufujon: tio estas ĉambro, kie oni trovas trankvilon, povas babili, trinketi teon kaj iam ekzemple aŭskulti laŭtlegadon.

Okazis ankaŭ vizito de loka naĝejo (kiun mi partoprenis), de Luksemburgio (kiun bedaŭrinde ne), kaj (neplanite) malkonsento kun iom tro kverelema dommastrino (de kiu mi bonŝance ankaŭ estis sufiĉe for).

Mi pensis, ke ĉe IS mi ne havos okazon krokodili (ne ke mi volus), sed jes: mi renkontis nian karan Galeganon Xosé Conde, kiun ankaŭ vi eble konas de lia restado en Slovakio; ankaŭ mi ekkonis Irlandanon Somhairle, kun kiu mi povis ne nur krokodili slovake, sed ankaŭ kajmani ĉeĥe kaj pole. Do, mi ne devus esti surprizita ĉe E-aranĝoj renkontiĝante slovake parolantajn neslovakojn.

Petveturi oni en Germanio povas, sed ne provu de kolonja aŭtoŝoseo ĉe Koblenz flankiĝi okcidenten al Trier, ĉar ĉiuj iras nur norden al Kolonjo (Köln); aŭ vi estos pli bonŝanca ol mi; ĉiam eblas. Retrovoje mi jes bonŝancis kaj sukcesis eĉ pri vizito ĉe mia malproksima germana familiano. Revenante oni aprezas: ĉie bone, hejme plej bone. Sed IS bonas ankaŭ pro tio, ke vi ekscias tie pri multaj okazontaj E-aranĝoj (precipe junularaj). Do, karaj legantoj, kiam vi enuos pri la ĉi-citita proverbo (ĉar mi jes enuos baldaŭ), ĉu vi ne pripensos eble renkontiĝi kun mi ĉe la Internacia Junulara Kongreso en la sveda Lesjöfors? Se jes, do sciu, ke la unua aliĝperiodo finiĝis fine de februaro.

*Martin MINICH*

*La 16a Aŭtuna Najbara Aranĝo kun Borso de Esperanto-Literaturo ANABEL okazis en unu el la ĉambroj de Fondaĵo de August Hermann Francke en Halle ĉe Saale la 9an de novembro 2002.*

*Meze de la Germanio*
*en Saksio – Anhaltio*
*ĉe bela rivero Saale*
*troviĝas la urbo Halle.*
*Iam geologia fenomeno*
*zorgis pro riĉa sala beno.*
*Sed esperinde kun konsekvenco,*
*regiono nun gajnas per scienco.*
*ESPERANTO * ESPERANTO-*
*lingvo por la mondvaganto,*
*parolata kaj kantata*
*malpli ofte silentata.*
*Kiu tiun lingvon amas*
*poemojn belajn li deklamas.*
*ESPERANTO * ESPERANTO-*
*lingvo por la mondvaganto.*
*PANORAMO * PANORAMO-*
*estas de la grupo nomo,*
*ĝi agadas tie forte*
*kelktempe ofte eĉ senvorte.*
*Membrojn ĝi ne havas multajn.*
*Mankas kelkaj malpli stultaj!*
*PANORAMO * PANORAMO-*
*estas de la grupo nomo.*
*ANA-BEL * ANA-BEL-*
*novembre estas nia cel´,*
*en belega urbo Halle*
*ĉe la hela river´ Saale.*
*Amikojn tie ni renkontas,*
*kune kanti ni ne hontas!*
*ANA-BEL * ANA-BEL-*
*aŭtune estas nia cel´.*
*PANORAMO – INFO eta*
*kaj malferma kaj sekreta*
*legeblas faktojn verajn famajn*
*por okuloj panoramaj.*
*Kvarfoje en ĉiu jaro*
*aperas ĝi por amikaro.*
*Do, malferma kaj sekreta*
*PANORAMO – INFO eta.*
*Siegfried, Jörg, Aŭgust´ kaj Udo*
*ofte en malgranda budo*
*diskutis kuriozajn faktojn*
*kun aŭ sen paperaj aktoj.*
*Migradis ili sur ŝoseoj*
*pikis ankaŭ en muzeoj,*
*ofte en malgranda budo-*
*Siegfried, Jörg, Aŭgust´ kaj Udo.*


*Dum trarigardo de la Fondaĵo de Francke*


*Aŭgusto Grosch*


*Alportita tagmanĝo el ĉina manĝejo*


*Hans-Joachim Gunkel*


*El mia prelego pri TUTA*

**D**udek sep partoprenintoj el multaj federaciaj landoj de Germanio volonte akceptis en sia rondo ankaŭ min. Komence la partoprenantoj trarigardis parton de ĉi mondfama Fondaĵo (ĝi iam zorgis kaj edukadis malriĉajn infanojn), ties antikvan bibliotekon kun kolektaĵo el la 16-a jarcento kaj la ortodoksan kapelon kun belegaj murpentraĵoj.

**P**ost la tagmanĝo sekvis mia prelego kun lumbildoj pri la historio de Turismaj Tagoj. En pluaj programeroj prezentis s-ino Ina Kolbe el Lepsiko sian verkon pri E-elsendoj kaj s-ano Bogenschneider de Bodensee siajn interretajn E-paĝojn. Lokaj esperantistoj klopodis amuzi nin per du skeĉoj kaj repe kantebla priskribo de agado de sia klubo, kiun vi povas legi flanke de ĉi artikoleto. Eĉ helpe de mi oni konvinkis ĉiujn, ke

*Nia adres´ en interret´*
*estas halle-saale @*
*esperanto punkto do e*
*Skribu tuj al ni, ho ve,*
*ĝis la kesto estos plena,*
*tio estu nia beno !*
*En intereto vi trovos nin*
*batalantaj ĝis venka fin´.*
*En Vorlic´ ni ŝatas aŭdi*
*pri historio, kaj aplaŭdi*
*al ĉiĉerono amiko Linke.*
*Li deklaras tre konvinke*
*l´ historion de princlando*
*de la mezo ĝis la rando*
*Ĉiam estas ĉies revo*
*viziti okazaĵon REVO!*
*Ĝemelurba amikeco*
*estas ankaŭ nia speco.*
*Vizitis nin jam el Francio*
*geamikoj kun simpatio.*
*Kaj el Brazilio venis*
*homeopato, kiu mencis*
*nin en libro kaj en muzeo*
*la profesoro, l´ korifeo!*
*RADIO CORAX parolata*
*en Halle estas tre ŝatata,*
*informas per elektra ondo*
*pri okazaĵoj en la mondo,*
*pri aferoj urbovastaj-*
*pri unuaj aŭ eĉ lastaj!*
*RADIO CORAX parolata*
*en Halle estas tre ŝatata.*
*La radioamatoro*
*Joachim kun varmega koro*
*prizorgas ĉe CORAX´ RADIO*
*teknikon kaj aerajn ondojn.*
*Riĉigis niajn sendorondojn*
*belegsone kaj maldiboĉe*
*Andrea tre virinavoĉe.*
*La radioamatoroj*
*laboris en malfruaj horoj!*
*Vojaĝis al urbo Halle*
*la amikino Feifiĉova*
*el bela lando Slovakio,*
*honoras nin kiel gastino.*
*ŝi venis al ni el Žilino,*
*el montaro Fatra Mala*
*kun la fama Vratna Valo.*
*Halle, la urb' malnova*
*salutas vin, amikino Feifiĉova!*

*Aŭgusto GROSCH*



Plua el TUTA-anoj Rolf Beau



Teksto de la lingva konkurso



S--ino Ino Kolbe el Lepsiko



Dum la lingva konkuro



Germanino kun bela slava nomo Marika



Jörg Gersonde, redaktoro de PANORAMO-Info, kun sia filino Anja

Fotoj: s-ano Bogenschneider el Radolfzell/Bodensee

sen iu ajn preparo oni povas flue legi la germanan, preparinte la tekston en Esperanta fonetika ortografio (kaj ĉiuj asertis, ke oni povis min bone kompreni. Ĉarma programero estis komuna kantado de fama „Rozeto en herbejo“ (Heidenröslein) de la fama germana literatura klasikulo J. W. von Goethe ne nur en la germana, sed ankaŭ en Esperanto, volapuko kaj honore al mi en la slovaka!

**K**rom la ANABEL mem mi ĝuis ne nur la urbogvidadon (ni vizitis ĉarman urboplacon kun interesa puto, la muzeon de G. F. Händel - eble ankaŭ vi ŝatas lian oratorion „Messias“ - kaj interesegan ekspozicion pri eŭropa bildarto el la 60-aj jaroj de la pasinta jarcento) kaj promenojn kun niaj iamaj TUTA-anoj Aŭgusto Grosch kaj Udo Birkner, sed ankaŭ sinceran grandaniman gastadon kaj agrabajn paroladojn en iliaj familioj.

*Fejfi*

## ETA PARADIZO EN DANIO

En la trankvila vilaĝeto Klint, Danio, troviĝas la Martinus-Centro, kie oni povas studi la Kosmologion de Martinus. Homoj el diversaj landoj venas ĉi tien por partopreni prelegojn kaj studgrupojn, ĝui belegan maran pejzaĝon kaj varman - amikan etoson, renkontiĝi kun malnovaj geamikoj kaj konatiĝi kun novaj. Ĉi tie ili trovas etan paradizon sur la tero.

La dana verkisto Martinus (1890-1981) en marto 1921 travivis profundan ŝanĝiĝon de la konscio, kaj tio estis la katalizilo de lia 60-jara verkado. Martinus skribis la sepvoluman verkon "Livets Bog" (La Libro de la Vivo) kaj la kvarvoluman suplementon al ĉi ĉefverko, "La Eterna Mondbildo", la enkondukan libron "Logiko", kaj ankoraŭ 30 malgrandajn libretojn, kaj multajn artikolojn.

Kio do estas la Kosmologio de Martinus ? La Kosmologio estas spirita scienco pri la universo kaj ĝiaj leĝoj. Ĝi estas tuteca priskribo de nia ekzistado. La devizo de la mondbildo estas: "Konu vin mem, kaj vi konos la tutan mondon". La Kosmologio de Martinus ne estas religio kaj oni ne povas fariĝi membro de ĝi. Martinus ne deziris kolekti aron da blinde kredantaj prozelitoj ĉirkaŭ sia laboro. Li ne deziris, ke ni kredu je tio, kion li skribis, sed ke el propraj personaj spertoj ni eltrovu, ĉu tio, kion li skribis, akordas kun la realo.

En Kopenhago estis fondita Martinus-Instituto, kiu eldonas kaj respondecas pri eldonado de la kosmologiaj verkoj de Martinus kaj la revuo KOSMOS en diversaj lingvoj. La instituto aranĝas prelegojn kaj studrondojn pri la Kosmologio, en specialaj kazoj ĝi elsendas prelegantojn.

Esperanto estas la internacia lingvo de la instituto. En 1974 dum la konsilia kunsido Martinus diris: "Mi opinias, ke ni estas iom fruaj rilate Esperanton, sed de alia flanko ĝi ege bonas. Ĝi vere iam venos, kaj tiam ĝi estos grandioza. Estus ja bele, se ĝi baldaŭ venus. Nepre estos Esperanto. Kiu alia? Ĉu troviĝas aliaj lingvoj pli progresintaj? Neniu alia lingvo estas same humana. Oni rigardu la kreinton. Li ja estis treege humana homo. Oni preskaŭ povas vidi, ke li estis elektita tion fari."

La Martinus-Centro en Klint fukcias ekde 1935. Venintoj studas tie la verkaron de Martinus. La kursoj okazas en la dana lingvo, sed somere estas du internaciaj semajnoj. Tiam prelegoj estas interpretataj al diversaj lingvoj laŭ bezono de aŭskultantoj, kaj oni estas invitita partopreni anglan, germanan, rusan, Esperantan kaj aliajn studrondojn. Post la internaciaj semajnoj sekvas la Esperanto-semajno. Kutime ĝin ĉeestas ĉirkaŭ 30 esperantistoj.

Dum la Esperanto-semajno ĉiumatene je la 9.30 horo oni aŭskultas prelegon pri la Kosmologio. Je la 11-a horo okazas tri-kvar studrondoj. Ekz. unu grupo studas la artikolojn de Martinus, alia legas iun lian libreton, la tria preferas studi la simbolojn ktp. Dum paŭzo oni povas prepari la manĝon en loĝĉambroj, tie estas malgranda kuirejo kaj ĉia necesa ilaro. Je la 16-a horo esperantistoj renkontiĝas por komuna diskutado. Ofte oni diskutas pri la Kosmologio kaj Esperanto, aŭ ĉiu partoprenanto rakontas pri si mem. Je la 17-a horo en la Teraso (manĝejo) ĉiujn atendas varma vegetara manĝo. Kaj je la 19-a horo komenciĝas la vespera prelego; ne ĉiam ĝi temas nur pri la Kosmologio, ankaŭ aliaj temoj leviĝas. Post la prelego esperantistoj en la Teraso trinkas teon aŭ kafon, frandas kukojn kaj babilas pri io ajn, kelkfoje koncertas.

Kiu venas unu fojon al Klint, tiu kutime revenas al la Centro ankoraŭ multfoje, ĉar ĉiu volas ree sperti la etan paradizon sur la ĉarma marbordo...

Pli da informoj vi trovos ĉe: institut@martinus.dk kaj www.martinus.dk.

*artikolon de Rita VALČIUKAITĖ peris Ľ. Fajth*

## KVARA ESPERANTA FILMFESTIVALO (EFIFO)

La kvara Esperanta Filmfestivalo (EFIFO) okazis en Pola Kulturcentro sur la Placo de „SNP“, en la centro de Bratislava, sabate la 23-an de novembro 2002.

Rekontiĝis 9 enlandanoj kaj kara gasto el Vieno s-ano Leopold PATEK.

Anna KRIŽÁKOVÁ preparis belan ekspozicion de bildkartoj kaj fotoj de siaj Esperantaj geamikoj el la tuta mondo, kun kiuj ŝi korespondadas.

Zlatica PÁLFYOVÁ propagandis kaj vendadis Esperantan literaturon, insignojn kaj memoraĵojn.

Post la 10-a horo la ĉeestantojn salutis la prezidantino de Okcidentslovakia Esperanta Societo kaj ĉeforganizantino de EFIFO Nataša ŠÁNDOROVÁ.

Antaŭtagmeze estis prezentitaj jenaj filmoj:

- „Tero el Maro“ – la filmo pri naskiĝo de nova insulo dum erupcio de vuklano en la maro ĉe Islando;
- „La eta knabino“ – la fabelo pri serĉado de amikeco;
- „Alpoj Svisaj“ – la filmo pri beleco de naturo, bestoj kaj vegetaĵo – beaŭrinde bilda kvalito de la filmo estis malbona.
- Kiel ora punkto estis la filmo „Kiam Parizo estis Parizo ankaŭ por ni, esperantistoj“, en kiu kantanta sinjorino akompanis nin tra la plej konataj lokoj de Parizo. Ĉi filmo el la tuta ĉijara kolekto merite plej multe plaĉis al la majoritato. Ĝi efikis facile, optimisme; konataj melodioj kun Esperanta teksto estis facilaj por memori.

Post tagmanĝa paŭzo, dum kiu ni diskutis pri disvastigado de Esperanto inter homoj, ni daŭrigis per posttagmeza parto de filmoj:

- „Brugge“ – la bele, profesie prilaborita filmo pri memorindaĵoj kaj vivmaniero de belgoj en tiu orginala urbo;
- „Fontanoj de Romo“ - unu kaj duonhora filmo kun senfina vico da diverstipaj fontanoj kaj etoso de la urbo.
- Por ripozo estis sciencfikcia filmo „Verda stelulo“, en kiu eksterteranoj venis al la montaroj de Svisaj Alpoj por viziti junan geedzoparon, kiun ili forportis por ekskurso al ilia planedo. Gejunuloj poste al la najbaro rakontis siajn travivaĵojn. Ili parolis Esperante.
- „Viena Ringo“ – la filmo pri Universala Kongreso de Esperanto el la jaro 1992. Tiuj, kiuj partoprenis ĝin, nun rememoris ĝian etoson.
- La lasta estis la filmo pri la kongreso en Koreio – „Kvin koloroj de Koreio“.

Ni disiris post la kvara horo kaj duono kun bona sento de utile uzita libera tempo. Ni eksciis multe da interesaĵoj el diversaj vidpunktoj je vivo, beleco de urboj kaj regionoj de la mondo.

Kelkaj povas vojaĝprepari sin por rigardi ilin per siaj propraj okuloj, sed tiuj pli maljunaj ĝojis, ke ili havis eblecon almenaŭ vidi tion komforte sidante en varma ejo dum humida aŭtuna tago.

*Zlatica PÁLFYOVÁ*

## ESO-ANOJ EN VIENO

ESO-anoj kun Katinjo BODNÁROVÁ partoprenis sabate la 19-an de decembro 2002 la solenan vesperon okaze de la naskiĝtago de nia Majstro L. L. Zamenhof en la viena Pola Kultura Centro.

Dum la programo alparolis la ĉeestantojn la honora gasto – ĝenerala direktoro de Centra Oficejo de UEA, konata Esperanta verkisto Trevor STEELE. Ĉi-jaran renkontiĝon vizitis ankaŭ la direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo Herbert MAYER. La ĉefo de ĉi renkontiĝo estis la konata viena esperantisto - redaktoro de Viena Radio, ne maljuniĝanta Emil VOKAL. La programo finiĝis per amika babilado ĉirkaŭ la bunta „sveda tablo“.

Antaŭ la forveturo invitis nin la redaktorino Katinjo FETÉS-TOSEGI en la kafejon. En la amika rondo ni parolis ankaŭ pri la ĉeso de Esperanta Radio-elsendadoj. Bedaŭrinde, mankas mono. Afabla surprizo estis, ke ĉirkaŭ la tablo sidis kun ni ankaŭ junaj aŭstraj verduloj, kiuj promesis al ni esti en la kontakto kun niaj junuloj – estontaj JESO-anoj.

*-alko-*

**GRAVA ŜANĜO!**

ESO-jarkunveno okazos en Bratislava la **12-an de aprilo 2003** je la 10-a horo en QUO VADIS, Hurbanovo nám. 1.

## KION ORGANIZIS OSES EN LA JARO 2002?

Komence de la jaro, la 9-an de marto, organizis Okcidentslovakia Esperanta Societo OSES la jarkunvenon en Bratislava en la restoracio „Hlava XXII“. Eksonis raportoj pri la agado kaj mastrumado de la societo en la jaro 2001 kaj planoj por la jaro 2002.

En Dunajská Streda la 15-an de junio estis jam kvinan fojon aranĝita Esperanta bazaro, kie, kiel kutime, estis aĉeteblaj, donaceblaj kaj interŝanĝeblaj Esperantaj libroj, vortaroj kaj diversaj Esperantaĵoj. La vetero favoris nin, ĉar posttagmeze, kiam ni vizitis la lokan termalan banejon, ni naĝis en agrabla varma akvo kaj sunumis sin sur la strando.

En agrabla septembra tago ni vizitis la bratislavan urboparton Rača, kie okazis festoj de vinberrikolto. Sabate, la 14-an de septembro, ni rigardis la prezentadon de la blovorkestro „Račianka“, paradan marŝon en tradiciaj naciaj kostumoj, premadon de vinberoj, kies sukon, freŝan moston, ni tuj gustumis. Posttagmeze ni rigardis ludon de en- kaj eksterlandaj folkloraj grupoj, ludon de humoristoj. En loka bazlernejo ni vizitis ekspoziciojn pri manlaboroj de hejmaj pensiulinoj kaj ekspozcion pri pentraĵoj de infanoj pri vinberrikolto. Ni manĝis bongustan gulaŝon, rostitan anseron, trinkis bonan junan blankan kaj ruĝan vinojn „burčák”.

La faman historian urbon kaj havenon Komárno ni vizitis la 19-an de oktobro. La fortika sistemo de la urbo, kiun ni vizitis, estas nacia kultura memoraĵo. Ĝi konsistas el t. n. „Malnova fortikaĵo”, „Nova fortikaĵo” kaj defenda sistemo de bastionoj kaj muroj, kiuj ĉirkaŭas la tutan urbon. Ni vizitis ankaŭ bele renovigitan urbocentron kun preĝejoj kaj urbodomo, kaj en la centro de la urbo „Korton de Eŭropo”. Ĝi estas pluretaĝa konstruaĵo, kiu okupas 6 500 kvadratmetrojn, sur kiuj troveblas loĝejoj, komercaj, kulturaj, sociaj kaj aministraj partoj. La unuopaj konstruaĵoj en stilizita formo prezentas arkitekturon de unuopaj eŭropaj landoj kaj regionoj. La objekto „Korto de Eŭropo” ne estas finkonstruita, kelkajn domojn oni devas laŭgrade finkonstrui. Ni esperas, ke ni iam akoraŭ denove vizitos ĉi belan urbon.

La kvara Esperanta Filmfestivalo EFIFO okazis la 23-an de novembro en Bratislava, kiel kutime, en la Pola Kultura Instituto. Pri ĝi bv. legi la apartan artikolon.

En la jaro 2002 OSES sukcesis organizi ĉiujn kvin planitajn aranĝojn, pri kiuj – ni esperas – estis kontentaj ĉiuj partoprenintoj.

*Zlatica PÁLFYOVÁ*



**GRAVA ŜANĜO!**
La jarkunveno de SKEF
kun plilarĝigita programo
okazos en Banská Štiavnica
**ekde la 30-a de majo**
**ĝis la 1-a de junio 2003.**



## STANO MARČEK PROPAGAS
## KVAR PAĜOJ PRI ESPERANTO EN REGIONA ĴURNALO

Nekutima, per sia amplekso eĉ unika slovaklingva propagandilo de Esperanto fariĝis per sia artikolserio la regiona ĵurnalo NOVÝ ŽIVOT TURCA. La 12-an de decembro 2002, la 7-an, 14-an kaj 21-an de januaro 2003 aperis en ĝi po tuta granda paĝo da teksto kaj abundo da fotoj, vojaĝpriskribo de la UK en Fortalezo, titolita „Obrázky z Brazílie“ (Bildoj el Brazilo).

La aŭtoro rakontas kronologie, laŭtage-laŭloke pri siaj travivaĵoj en la lando, kiun li vizitis la unuan fojon, kaj pri la kongreso, kie li same nove rolis kiel la redaktoro de la oficiala organo de UEA, de la revuo ESPERANTO.

La abundon de travivaĵoj kaj profundaj impresoj Stano sukcese densigis, tamen konservante en la teksto sian grandan amon al Brazilo kaj admiron al la kongreso.

Tiuj, kiuj legis lian raporton, tre verŝajne eksentis almenaŭ iom da envio kaj iom da scivolemo ne nur rilate al la aŭtoro de la artikolo, sed ankaŭ pri la nekonata Esperanto, kiu la tutan aventuron al Stano ebligis.

Stano, gratulon! Multajn tiajn travivaĵojn kaj multajn tiajn artikolojn!

*Katarína BODNÁROVÁ*

## LA KVINA INTERNACIA FOTOKONKURSO DE LA ONDO

„La Ondo de Esperanto“ organizis en 2002 la kvinan Internacian Fotokonkurson. La konkurso ne estis dediĉita al iu temo. En la konkurso partoprenis 61 fotoverkoj de 21 aŭtoroj el 10 landoj: Aŭstrio, Finnlando, Francio, Jugoslavio, Niĝerio, Pollando, Ruslando, Slovakio, Svedio, Ukrainio.
La 15-an de januaro 2003 la juĝkomisiono anoncis la rezulton:
La 2-a premio: Michal BRODŇANSKÝ (Slovakio) pro „Dolĉa gratifiko“.
Laŭdaj mencioj en Priesperantaj fotoj: Vladimír SUROVČEK (Slovakio) pro „Busto de Zamenhof“.

*laŭ la interreta informo de Halina Gorecka, sekretario de la konkurso*

NI KORE GRATULAS AL AMBAŬ!



**GRAVA ATENTIGO!**
**kondiĉojn pri abono por Esperantisto Slovaka en la jaro 2003**
**bonvolu legi en la paĝo 2**



## LA INTERNACIA ESPERANTO MUZEO (IEM) EN VIENO




**Iom el la historio:** La ideo formuliĝis dum la 19-a UK en la pola Gdansk, kiam frato de L.L.Zamenhof, Felikso, argumentis por la starigo de institucio simila al la naciaj bibliotekoj. En la viena kafejo "Postsparkasse" sub gvido de Hugo STEINER, fondiĝis vespere de la 23-an de novembro 1927 la "Asocio de la Amikoj de la Internacia Esperanto-muzeo", kies tasko estis krei la financan bazon por la IEM. En la jaro 1928 ne plu uzata ĉeval-barako estis adaptita kiel libro-arkivo. En la jaro 1929 estis subskribita la kontrakto, laŭ kies enhavo la IEM estu parto de la Aŭstria Nacia Biblioteko kaj al STEINER estis disponigitaj du ĉeloj de iama monaĥejo. En la jaro 1930 IEM translokiĝis en grandan salonegon en Hofburg. En la jaro 1938 IEM estis fermita, Hugo STEINER "ŝirm"-arestita kaj esperantistoj ĝenerale persekutataj. Steiner post sia liberiĝo sukcesis persvadi koncernajn instancojn ne detrui la materialon de IEM, nur forpaki kaj meti ĝin en kelon. En la jaro 1945 Hugo STEINER sukcesis trovi subtenon de la fama aŭstria kanceliero Leopold FIGL, kiu disponigis al IEM kvin salonojn en Hofburg. Ekde la jaro 1958 unu oficisto estas plene pagita de la ŝtato, ekde la 1966 IEM ricevis duan plan-postenon. Tamen IEM havas tre malgrandan budĝeton, kaj tial tute dependas de donacoj, t.e. de la bonvolo de ĉiuj esperantistoj. Tial ĉiuj aŭtoroj kaj eldonejoj estas petataj ĉiam sendi donace unu ekzempleron de la eldonaĵoj al IEM, kio garantias, ke ĝi restos ankaŭ en la futuro la universala biblioteko de Esperanto.



**La nuntempo:** Internacia Esperanto Muzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko, kiu posedas la plej grandan planlingvan bibliotekon, realigas ekde 1996 unikan projekton: la kreon de la ***elektronika katalogo TROVANTO***, konsultebla en interrreto. Momente la retrospektiva katalogado estas finita, do ene de ses jaroj la skipo, kiu konsistas el Christian CIMPA, Helga FARUKUOYE kaj Herbert MAYER, povis konduki la katalogadon al la etapo de la unua konkludo! Tio signifas, ke en TROVANTO troviĝas tuta havaĵo de la Muzeo de jenaj kategorioj: libroj, broŝuroj, „griza literaturo", manuskriptoj, gvidiloj, muziknotoj, aŭdkasedoj, vidbendoj... Tiamaniere TROVANTO fariĝis kun siaj 29 000 rikordoj la plej granda datenbanko pri Esperanto kaj interlingvistiko.

**Konsiloj por pli facila serĉado en TROVANTO:** ekzistas du serĉeblecoj: „Serĉado per registroj" kaj „Serĉado per logikaj kombinoj".Se vi serĉas ekzemple la nomon „ZAMENHOF Ludwik Lazar" per „Serĉado per registroj" (elektante la registron „personoj"), vi verŝajne ne sukcesos malfermi ĝin, ĉar ekzistas jam 365 rikordoj pri la verkoj de Zamenhof. Bedaŭrinde tiu serĉfunkcio pro la multaj rikordoj ne laboras. Sed vi povas havi bonajn rezultojn per „Serĉado per logikaj kombinoj". Entajpu la plenan nomon (same elektante la registron „personoj"), kaj jen vi ricevas la plenan liston de la Zamenhofaj verkoj. Kiel vi povas konstati, tiu serĉfunkcio bone laboras sen indiko de plua serĉnocio (la plena nomo sufiĉas).



*Slovakaj esperantistoj en IEM kun aŭstraj geamikoj; en la mezo Trevor STEELE, ĝenerala direktoro de CO*

**La estonteco:** La retrospektiva laboro estas finita, sed ne la laboro: Kompreneble oni daŭrigos la aktualigon pere de la nove alvenanta materialo kaj krome mankas ĉe kelkaj dokumentoj la indiko de la temo, kiu aldoniĝos en regula ritmo. La daŭrigo de la laboro tamen povas okazi nur, se esperanstistoj ĝin fakte bezonas, tio signifas, se sufiĉe da homoj utiligas TROVANTOn en la interreto. Same dekdu-foje en jaro okazas en la Aŭstria Nacia Biblioteko granda vetkurado, ĉar komence de ĉiu monato aperas la novaj statiskikaĵoj. La statistiko decidas pri la ekzistorajto, ja ĝi rilatas al la demando: ĉu oni bezonas Esperantan elektronikan katalogon aŭ ne? Fakte temas pri "esti aŭ ne esti". Tial ĉiuj esperantistoj estas invitataj laŭeble regule viziti la hejmpaĝon de TROVANTO, nome http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm.

**Je via dispono estas ankaŭ servoj de IEM:** vi povas veni kaj studi surloke, vi povas peti telefone aŭ skribe informojn pri la havaĵo de IEM, vi povas en Eŭropo pruntepreni librojn pere de vialandaj universitataj aŭ naciaj bibliotekoj kunlaborantaj kun la teleprunta reto internacia, kontraŭ pago vi povas ricevi fotokopiojn aŭ filmojn de la multobliga centro de la Aŭstria Nacia Biblioteko.

***La malfermhoroj:** ekde februaro 2003 la Esperanto-Muzeo estos malfermita (escepte de la ŝtataj festotagoj): 01.01-30.06.: lunde - merkrede 9.00-16.00, ĵaŭde 12.00-19.00, vendrede 9.00-13.00; 01.07. -31.08 kaj 08. -30.09 lunde - vendrede 9.00-13.00.*

*Se vi volas veni dum aliaj horoj, bonvolu antaŭe interkosenti!*

***La adreso:** Sammlung für Plansprachen und Internationales Esperanto-Museum der Österreichischen Nationalbibliothek Hofburg, Michaelerkuppel, AT-1010 WIEN, tel.: 0043/1/535 5145.*

*Internacia Esperanto-Muzeo, Hofburg, Michaelerkuppel, AT-1010 VIENO.*

*laŭ la informoj el la cirkulero interrete sendata fare de Helga Farukuoye kaj laŭ la broŝuro La Internacia Esperanto-Muzeo (historio – taskoj – perspektivoj) eldonita en Vieno pere de IEM en la jaro 1992 prilaboris M. FEIFIČOVÁ*

## LA JARKUNVENO DE LA FERVOJISTA SEKCIO ĈE ĈEĤA E-ASOCIO

En la tagoj ekde la 13-a ĝis la 15-a de septembro 2002 okazis en Česká Třebová la jarkunveno de ĉeĥaj fervojistoj esperantistoj. Partoprenis ĝin ankaŭ Dr-ino Anna ABELOVSKÁ el la landa FISAIC-sekcio kaj anoj de IFEF-estraro.

La traktado okazis jam vendrede vespere kaj daŭrigis ankaŭ sabaton vespere. Dum la sabata antaŭtagmezo post la trarigardo de la urbo oni vizitis la deponejon de la Urba Muzeo kaj aŭskultis interesajn paroladojn de s-ano Jiří PIŠTORA, ties estro. Post la tagmanĝo oni partoprenis ekskurson per vapora trajneto en Mladějov. Dum la dimanĉa antaŭtagmezo oni povis spekti la videobendojn el la pasintaj IFEF-kongresoj.

## LA NOVJARA SALUTO



Jam tradicie SKEF sendas la novjaran saluton al Rudolf SCHUSTER, nuntempa prezidento de Slovaka Respubliko. Kun li povis paroli reprezentantoj de IFEF-estraro kaj de unuopaj landaj asocioj kiel kun la urbestro de Košice dum la 49-a IFEF-kongreso okazinta en tiu orientslovakia urbo en la jaro 1997. Li afable sendis al ni la novjaran mesaĝon.

## IFES – INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTISTA SKISEMAJNO

La 44-an Internacian Fervojistan Esperanto-Skisemajnon en Kunčice pod Ondřejníkem, kiu okazis ekde la 4-a ĝis la 11-a januaro 2003, partoprenis inkluzive de tagaj gastoj kaj prelegantoj 36 partoprenintoj. La trikapa organiza skipo frunte kun Dr-ino Anna ABELOVSKÁ el la landa asocio deFISAIC prizorgis agrablan restadejon en la fervojista ripozcentro kun bunta programo ankaŭ por neskiantoj. La skiantoj ĝuis belegan neĝplenan vintran veteron en la fama skicentro Pustevny, kiun ni ĉiuj vizitis dimanĉe kaj ĝuis tie eksterordinaran neĝigitan naturon. Lunde ni vizitis la urbon Frenštát pod Radhoštěm kun ties historia urboplaco kun arkadaj domoj kaj ŝtoneta pavimo.

Marde ni ĉiuj komune buse vizitis la ĉarman urbeton Štamberk kun ties remparmuregoj kaj la turo Trúba (Trumpeto), kiu servas kiel belvedero, Příbor, la naskiĝurbon de la mondfama fondinto de psikoanalizo Sigmund FREUD kaj la urbon Kopřivnice kun ties fama muzeo de aŭtomobiloj TATRA.



*La plej bela malnova ĉeĥoslovaka aŭtomobilo Prezident en la Muzeo de aŭtomobiloj*

Merkrede la neskiantoj ĝuis liberan tempon kaj butikumadon en Frenštát pod Radhoštěm. La skiantoj partoprenis la slalomkonkuron kaj konkuron por la longdistancaj skiantoj.

Ĵaŭde denove okazis komuna busa eksurso al la urbo Nový Jičín, sur kies kvarangula placo kun konservitaj arkadoj kaj renesancaj domoj troviĝas interesa statuaro "Dancantaj Kunvaldanoj". Vizito de la loka Ĉapela Muzeo kaj ties deponejo donis ne nur multajn interesajn sciojn, sed ankaŭ grandan amuzadon dum fotado en diverstipaj kapkovriloj. Dum la posttagmeza vizito de la urbo Fulnek kun ties Muzeo de Johano Amoso KOMENIO multajn eksterlandajn samideanojn surprizis la fakto, ke li naskiĝis en Ĉeĥio, ĉar nederlanda Naarden multe pli fanfaronas per lia loko de la lasta ripozo, ol Ĉeĥio per lia naskiĝloko.

Vendrede la neskiantoj vizitis la urbon Rožňov pod Radhoštěm kun ties Valaĥia Muzeo kaj la skiantoj la lastan fojon povis skii en Pustevny.



*Belega vintra naturo en Pustevny*

Vesperaj programoj ankaŭ estis skisemajne kutimaj: oni aŭskultis fakan prelegon fare de Inĝ. Ladislav KOVÁŘ, spektis la videobendon pri IFES (eĉ pri tiu en Slovakio antaŭ du jaroj), oni partoprenis lingvan konkursan kvizon kaj skriban konkurson por piedirantoj kun multaj demandoj pri vizititaj lokoj, maskobalis kaj eksciis rezultojn de ĉiuj konkursoj, oni ĝuis Ĉemetodan lingvokurson fare de Inĝ Zdeněk POLÁK kaj fine dum la lasta vespero post solena vespermanĝo amuziĝis kaj dancis en amikeca rondo ĝis malfrua nokto.

Inter la partoprenintoj estis forta rumana grupo kun multaj gejunuloj, el kies rondo estis ankaŭ la gajninto de IFEF-premio.

La bone organizita ĉeĥa Skisemajno finiĝis. La venontjara okazos en Francio.

*Fejfi*

## NOVA HEJMO POR RETAJ INFORMILOJ EN ESPERANTO

En la pasintjara julio estis malfermita por prova uzado retejo www.Abonu.com, preparita de UEA, kiu servos kiel gastigejo por informaj retlistoj, retaj gazetoj, gazetaraj komunikoj, novaĵoj de ttt-ejoj kaj similaj informaj publikigaĵoj.

***La ĉefaj avantaĝoj de Abonu.com:***

- La retejo estas 100%-e esperantigita versio de profesia rusia reta servo, uzata de pli ol unu miliono da personoj. Nur la programa kaj informa partoj de la retejo konsistas el ĉ. 500 paĝoj - kaj ĉio, ĝis la plej eta mesaĝo estas en Esperanto!
- Abonu.com estas speciale adaptita por E-lingvanoj: ĝi subtenas kodigojn UTF-8, Latin-3, surogatojn kun iksoj kaj kontrolsignoj (^).
- Abonante ion ajn en Abonu.com oni mem elektas, en kiu formato kaj kodigo oni deziras ricevi la leterojn de retlistoj, ne dependante de la teknikaj eblecoj de aliaj abonantoj de la sama retlisto. Oni povas ankaŭ agordi formatojn por PDA, poŝtelefonoj (SMS) kaj pejĝiloj.

***Por krei retlistojn unuavice estas invitataj:***

- ✓ redaktoroj de neretaj E-gazetoj, kiuj deziras disponigi ilin al la reta abonantaro;
- ✓ kreintoj de E-ttt-ejoj, kiuj deziras regule infomi la vizitantojn pri la evoluoj en siaj retejoj;
- ✓ aŭtoroj de diverstemaj retaj kursoj, kiuj ŝatus prezenti ilin en la formo de regule dissendataj lecionoj;
- ✓ E-organizoj, dezirantaj informi la E-mondon pri siaj novaĵoj kaj agadoj;
- ✓ tiuj, kiuj povus kaj ŝatus regule dissendadi informojn pri novaĵoj de propraj landoj, regionoj, pri iliaj kulturaj kaj sociaj eventoj;
- ✓ kaj ĉiuj aliaj, kiuj trovos la servon utila.

Kompreneble, estas invitataj ankaŭ la legantoj!

*andreo@abonu.com, europa-esperanto-unio digest number 492*

## NOVA PROFESIA INTERRETPORTALO ĜANGALO.COM

Sub la interretadreso http://gxangalo.com troviĝas nova tre profesiaspekta interreta portalo esperantista, kiu raportas tre aktuale pri movadaj temoj, sed speciale pri nemovadaj temoj.

Kio estas Ĝangalo? Ĝangalo estas la kontribuo de kompetenta kaj talentplena skipo da homoj, kiuj dum preskaŭ unu jaro laboregis por liveri al la esperantistoj veran portalon en Esperanto.

Ĝis nun en la virtuala Esperantio mankis vera portalo, en la senco de noticejo, kun ĉiutaga aktualigo, kun pluraj kaj abundaj alireblecoj, kun ligiloj la plej diversaj kaj elŝutaĵoj. Mankis - ne plu mankas, ĉar ekde la 18-a de januaro 2003 Esperantio povas fieri posedi unu el la plej modernaj informejoj de la reto - Ĝangalo - la E-Portalo.

## KRISTNASKA SALUTO DE LA PAPO EN ESPERANTO

„Dibenitan Kristnaskon kaj prosperan novan jaron!“: estis la Esperanta saluto de la poldevena Papo Johano Paŭlo inter sesdeko da lingvoj. Ĝojplene reagis grupo da esperantistoj, kiuj portis grandan afiŝon kun la vorto E.S.P.E.R.A.N.T.O. meze de la Placo de Sankta Petro en Romo, dissendita tutmonde.

*info-esperanto*

## MICHEL DUC GONIZAZ - LA ESPERANTISTO DE LA JARO 2002

La internacia revuo „La Ondo de Esperanto“ (Kaliningrad, Ruslando) iniciatis en 1998 ĉiujaran proklamadon de la Esperantisto de la Jaro. Por la jaro 2002 la kandidatigantoj proponis 18 personojn, al kiuj la elektantoj povis doni siajn voĉojn. La voĉdonado finiĝis je la Zamenhofa Tago, la 15-an de decembro, kun jena rezulto: Michel DUC GONINAZ estas proklamita kiel la Esperantisto de la Jaro 2002.

La internacia ĵurio elektis lin pro la eldono de la Nova Plena Ilustrita Vortaro, kies reviziadon li gvidis dum pluraj jaroj.

Iama profesoro pri slavistiko kaj esperantologio en la universitato de Aix-en-Provence (Francio), Michel DUC GONINAZ, havas longan esperantistan vivon. Aktiva same kiel Gaston Waringhien en la SAT-medio, li transprenis leksikografie lian gravegan moralan kaj sciencan heredaĵon. Didaktike kompetenta, li aŭtoris interalie tre utilan vortaron, eldonitan de komerca entrepreno, kun terminoj grupigitaj laŭ semantikaj familioj. Literature fajna, li interalie tradukis la verkon de Albert CAMUS „La fremdulo“. La eta kuriozaĵo: estas li la juna policisto, kiu tajpas la konfeson donitan de la edzino de Karleto (Jana FLEGO) al la komisaro (Raymond SCHWARTZ) en la filmo „Angoroj“ de J. L. MAHÉ (1963).

*HEROLDO KOMUNIKAS n-ro 174*

## POLICISTOJ KAJ ESPERANTO

Ĉu vi scias, ke pli ol 50 jarojn policistoj estas ligitaj „vole-nevole“ kun Esperanto? Slogano de la Internacia Polica Asocio (International Police Association) fondinta la 1-an de januaro 1950 de la angla policisto (esperantisto) Arthur TROOP estas: „SERVO PER AMIKECO“. La surskribo troviĝas sur ĉiuj emblemoj kaj legitimiloj de la anoj de IPA en la mondo.

Mi proponas demandi viajn konatajn policistojn, ĉu ili scias, kio estas skribita sur iliaj emblemoj. Mi proponas trarigardi la nacilingvajn paĝojn de IPA kaj saluti, reagi, enskribiĝi en la gastlibrojn.

*Stanislavo MANDRAK, europa-esperanto-unio@yahoogroups.com*

# ESPERANTO - ĈU LINGVO VIVA AŬ ARTEFARITA?

Iam meze de novembro mi ekatentis pri diskuto, kiu indigne traktis la decidon de la ĉefino de ĉefdirektora oficejo de iu provinca ĉeflernejo, kiu ne akceptis la bonfide metitan ŝtatan lingvoekzamenon de kelkaj studentoj, deklarante sen kia ajn logiko, ke Esperanto estas neviva, sed artefarita lingvo. Ne nur mi, sed ankaŭ ne malmultaj eksterlandaj alparolantoj miris pro tio, kaj pluraj esprimis sian opinion ankaŭ en retmesaĝoj, rekte senditaj al la ĉeflernejo.

Cetere, eĉ la viva lingvo signifas nevivan, sed tian lingvon, kiun ia viva komunumo regule uzas por ĉiutaga komunikado. (Do tia estas la ĉina, kiun parolas 1,2 miliardoj da homoj, kaj same la jukagira, uzata eble de nur 100 homoj.)

La esprimo artefarita lingvo aludas nur al tio, ke la koncerna lingvo estiĝis kaj evoluas ne per spontana („natura“) maniero, sed rezulte de intenca kaj konscia homa kreagado. La artefarita lingvo povas esti nur lingvoplano (kiel la lingvoj ro kaj suma, kiujn neniam uzis kia ajn komunumo), aŭ kiujn oni jam uzis, sed ne uzas plu, do kiu estas jam morta lingvo (kia ekzemple estas la iam fama volapuko). Sed artefarita lingvo povas esti ankaŭ viva lingvo (kiel Esperanto, kiun uzas kaj evoluigas komunumo de repektinde granda anaro, tutmonde).

Mi miris eĉ pli, kiam mi aŭdis de pluraj flankoj, ke la 4-an de decembro, en la programo Záróra (ferma horo) de la publikserva TV m2, konekse kun la ŝtataj ekzamenoj altranga ŝtata oficisto diris proksimume la sekvan: „... la leĝo precize deklaras, ke la ŝtata ekzameno estas metebla el vivaj lingvoj, sed Esperanto estas artefarita“.

Pro tiaj eraroj (kaj iliaj eblaj konsekvencoj) necesas celhave pridiskuti ankaŭ antaŭ la vasta publiko, kiagrade apartenas Esperanto al la kategorioj de artefarita kaj viva lingvoj.

Estas fakto, ke kiaj spontanaj ŝanĝoj okazis ĉe la elformiĝo de la novlatinaj lingvoj, kompare al la (elgreke riĉigita) latina, ĉirkaŭ sammezuraj, sed intencaj kaj konsciaj - samtempe simpligaj, regulecigaj, sed valorkonservaj - transprenoj kaj ŝanĝoj de Zamenhof rezultigis ankaŭ la estiĝon de Esperanto, kompare al la modernaj novlatinaj lingvoj. Pro tio la parolantoj de Esperanto kaj tiuj de ĉi tiuj lingvoj pli malpli komprenas unu la alian kaj latinajn tekstojn, t. e. la menciitaj modernaj lingvoj kaj la latina estas relative proksime parencaj ne nur unu kun alia sed ankaŭ kun Esperanto. Ĉi tiu parenceco, malplimezure, validas ankaŭ rilate al la germanaj kaj la slavaj lingvoj, ĉar la vortaro kaj gramatiko de Esperanto devenas unuavice el la franca, la latina, la angla, la germana kaj la rusa, kiuj estas la tielnomataj fontolingvoj de Esperanto. Pro ĉio ĉi Esperanto estas nomata ankaŭ la plej juna branĉo de la hindoeŭropaj lingvoj. Tamen estas interese, ke la simpligo de la gramatiko rezultigis alproksimiĝon ankaŭ al la finnugraj kaj certaj grandaj aziaj lingvoj.

De post sia publikigo, kiel la modernaj lingvoj, ankaŭ Esperanto estas evoluigata (de la Esperanta komunumo aŭ socio), taŭge al la variaj postuloj de la epoko, kaj spontane, kaj konscie, sed inter la bariloj plu certigantaj la simplecon, regulecon kaj belecon de la lingvo. Kaj ĉar la postuloj kontraŭ la lingvoj estas pli kaj pli similaj sur la tuta Tero, kaj la komunika tekniko fariĝas pli kaj pli disvolvita, tial la parenceco inter Esperanto kaj la aliaj lingvoj plu validas, eĉ - precipe pro la komuna disvolviĝo de la scienca kaj faka vortostoko - ĝi plifortiĝas.

La Esperantaj lingvo kaj literaturo estas same heredanto kaj konservanto de la kulturoj kaj lingvoj de la latinaj, grekaj kaj hodiaŭaj socioj kaj literaturoj, kaj estas same kapablaj kontentigi la lingvajn bezonojn de la nuna epoko, kiel la modernaj eŭropaj lingvoj mem. Kvankam la plurmilvoluma originala literaturo de Esperanto estas produkto nur de la lastaj 115 jaroj, sed helpe de ĝiaj kvinkontinente naskitaj kultivantoj reprezentas ankaŭ ne malmultajn kulturojn malsimilajn de la eŭropa. En sia similkvanta tradukita literaturo Esperanto traarkas 5000 jarojn, de la sumera-akada eposo pri Gilgameŝ, tra la Sunhimno de Eĥnaton, la Ŝi King, la Biblio, Villon, Shakespeare, Kalevala kaj Madách ĝis Umberto Eco.

Fine, la tutmonde diaspore vivanta Esperanta komunumo - kiu cetere fojfoje pli strikte ligiĝas ankaŭ al siaj nacioj kaj pli zorgas kaj konservas siajn gepatrajn lingvojn, ol iliaj sampatrujanoj - uzas sian Esperanton ĉiutage, en familio, amika societo, en asocioj, lokaj kaj internaciaj renkontiĝoj, konferencoj, kongresoj, en aranĝoj kun kelkaj aŭ kelkcent, foje kelkmil partoprenantoj, en turismo, en teatroj kaj aliaj kulturaj eventoj, perbuŝe, perskribe, perprinte, en periodaĵoj, libroj, retmesaĝoj, per CD-oj kaj tra la tuta interreto.

Do Esperanto estas unusence kaj sendube viva lingvo, kiel tion deklaris kompetentaj lingvistoj kaj lingvaj institucioj, kiuj ne domaĝis la laciĝon ekkoni ĉi tiun lingvon antaŭ ol diri opinion pri ĝi. Ĝi rajte rolas kiel viva lingvo ankaŭ en la universitata kaj ĉeflerneja edukado kaj oni traktas ĝin tiel ankaŭ en la ŝtataj ekzamenoj de la Fremdlingva Pluperfektiga Centro (de Hungario).

La iniciatinto de Esperanto, Zamenhof, el naturaj lingvoj per arta interveno estigis, aŭ pli precize nur survojigis, Esperanton, tamen la mezuro de lia interveno ne estis pli granda, ol kian tiuj lingvoj, kvankam dum pli longa temo, jam transvivis laŭ sia nature spontana evoluo, kaj de tiam Esperanto kaj ĝiaj fontolingvoj evoluas similmaniere unu al alia. Tial nomi Esperanton artefarita lingvo ne estis taŭge eĉ en la komenco, kaj de tiam jam tute ne. La hodiaŭa Esperanto estas viva natura lingvo (aŭ estas artefarita nur tiamezure kiel hodiaŭ kiu ajn moderna lingvo), kiun la lernanto - se ŝi aŭ li ne konas ĝian historion - sentas tia lingvo kiaj estas la aliaj. Kun unusola - tre esenca kaj grandefika - escepto: La sistema lernado de Esperanto - sur tiel alta nivelo, kiu estas necesa por flua ĉiutaga uzo de la komuna kaj la proprafaka lingvaĵo, parole, lege kaj skribe - bezonas averaĝe nur dekonon de la labortempo (en kurso, kun privata instruisto, aŭ eĉ en komplete aŭtodidakta formo), kompare kun kiu ajn moderna lingvo sur la sama nivelo: 200 laborhorojn anstataŭ 2000! Eĉ - laŭ la esploroj - lerni unue Esperanton kaj poste la anglan bezonas malpli da labortempo ol la angla sola, sen antaŭa lernado de Esperanto. Do per antaŭlernado de Esperanto oni povas nur gajni, sed nenion perdi.

Do oni devas saluti tiujn studentojn, kiuj - ofte spite al diversaj mokoj - lernas Esperanton, ĉar - eble senintence - ili ne nur ekkonas lingvon uzeblan en si mem, sed gajnas bone utiligeblan bazon ankaŭ por lerni alian lingvon kaj uzi pli konscie sian propran gepatran. Kaj la sukcestravivaĵo akirita per Esperanto povas instigi ilin, ke ili - jam en pli certa antaŭscio de sukceso - dediĉu sin al la lernado de alia lingvo. Estus inde pripensi ĉion ĉi ankaŭ sur registara nivelo!

*Otto HASZPRA, akademiano*
*haot@freemail.hu*
*transprenita el*
*europa-esperanto-unio@yahoogroups.com*

# MEMORAĴOJ EL DANIO

*Parton de miaj pasintjaraj ferioj mi pasigis en Danio. Malgraŭ la abundo da naturaj kaj historiaj vidindaĵoj mia plej memorinda travivaĵo estis la konatiĝo kun esperantisto* ***Preben BAGGER****, mia gastiganto. Ĉi-sinjoron mi konis kaj ne konis jam almenaŭ de dek jaroj. Kiel tio eblas? - vi demandas. Jen la respondo: partoprenante multajn aranĝojn de la iama Esperanto-Centro en Poprad, eĉ vivante tie, mi plurfoje aŭdis gajajn rakontojn kaj spektis lumbildojn interalie pri pupteatra E-vojaĝo al Danio. S-roj Milan ZVARA kaj Anton ZACHARIÁŠ ĉi-rilate ofte ripetis la nomon Preben BAGGER. Ili prononcadis ĝin kun vera lingva kaj langa ĝuo unuflanke kaj fiera nostalgio aliflanke. Mi tiel volonte rakontus nun al ili pri mia vizito ĉe li...!*



*Preben Bagger antaŭ sia domo en Roskilde (2002)*

Mia iama impreso, ke temas pri simpatia, amika homo, konfirmiĝis. S-ro BAGGER estas trankvila, sed volonte kaj ofte li ridas. Li kondutas ege modeste. Necesas 2-3 tagoj kaj aparta pridemandado ĝis kiam malkovriĝas liaj iamaj UEA-komitataneco kaj estraraneco en la Dana E-Asocio, lia traduka laboro el Esperanto en la danan kaj propra prilingva libro en la dana mem. La emerita mezlerneja instruisto pri fiziko preparas nun E-danan vortaron!

En la koridoro de lia domo pendas slovaka mur-telero kun surskribo: Bábkové divadlo – Košice. Kiam mi demandas lin pri ĝia deveno, same kiel en Poprad, nun en Danio aperas gajaj rakontoj, varma brilo en la okuloj, eĉ dokumentujo kun korespondaĵoj.

Mi miras kaj admiras. La "okcidenta" esperantisto venas en 1970 al "komunisma" Eŭropo. Ne nur ke li transpaŝas la "feran kurtenon", sed li, sola, aranĝas

la saman nekutiman iron maldirekten por kompletaj pupteatraj grupoj unue el Jugoslavio (1970) kaj Rumanio, kaj en 1972 el Ĉeĥoslovakio - el Slovakio. La Košicea "Bábkové divadlo", 16 personoj plus esperantisto Milan Zvara, sukcese turneis en Danio. La sekvan jaron havis la saman eblon E-pupteatro el Pollando kaj en 1974 el Bulgario.

Sed por s-ro Bagger tio ne sufiĉis. Tiutempe li gvidis E-studrondojn por instruistoj kaj gejunuloj de sia lernejo kaj alprenis plian taskon. Jen, kiel li mem priskribas ĝian efektivigon:

"Post sukcesa aranĝado de kelkaj turneoj de profesiaj E-lingvaj pupteatroj la dana ministerio pri kulturo proponis al mi fari studvojaĝon al la orient-eŭropaj landoj por pristudi la kondiĉojn de pupteatroj kaj fari kontraktojn pri estontaj turneoj en Danio kaj por prepari interŝanĝon de lernejaj klasoj lernintaj Esperanton. Tio kondukis min inter alie al Košice, kie mi en 1972 traktis kun la tiama urbestro pri la interŝanĝo de lernejaj klasoj el Košice kaj el Danio.

Unu slovaka klaso komencis lerni Esperanton kaj prepari teatraĵon, kiun ili montros en la alia lando. En 1974 la sepaklasanoj de la baza lernejo en la urbo Fakse (Danio) vizitis la koncernan lernejon en Košice kaj poste en la sama jaro 16 infanoj el Košice vizitis la lernejon en Fakse kaj faris prezentadojn en diversaj lokoj."

Kion aldoni? Dek ses infanoj el la Unua elementa lernejo kaj sep plenkreskuloj el Košice havis inter la 22-a kaj 29-a de septembro 1974 por tiu tempo (kaj eĉ por la nuna) neordinaran ekskurson. Estus interese aŭdi iliajn rememorojn. Mi provis trovi almenaŭ la pupistojn. Al la bilet-vendisto en la nova konstruaĵo de la Pupteatro de Košice mi diris vicon da nomoj el la iama grupo. Eĉ ne unu el ili mi trovis. Tio tamen nenion ŝanĝas en iliaj rememoroj (ekz. en la pasintnumera intervjuo kun Elemír ERBY vi povis legi, ke li ne forgesis.)

S-ro BAGGER, dankon pro via agado por nia- (kaj ali-)landaj esperantistoj kaj Esperanto-ŝatantoj kaj pro via gastamo, donanta al mi rememorojn pri bela semajno en Danio.

*Katarína BODNÁROVÁ*

# DEBATO PRI LA EU-LINVOPOLITIKO DAŬRAS

*En la retlisto europa-esperanto-unio, sub n-ro 616, Jozef REINVART, la reprezentanto de Ministerio pri eksterlandaj aferoj de Slovakio, raportis pri seminario, okazinta en Madrido la 9 - 10-an de decembro 2002. Ĝi estis organizita de la reprezentantoj de UE en Hispanio kaj temis pri LINGVOJ KAJ PLIGRANDIGO DE EU. La sekva teksto estas la iom koncizigita raporto (kiu montras, ke esperantistoj en gravaj postenoj povas iom post iom ŝovi la evoluon de E- movado antaŭen kaj akiri meritplenajn rezultojn).*

La seminario estis organizita precipe por hispanaj studentoj de lingvoj,estontaj interpretistoj kaj tradukistoj, por prezenti al ili la nuntempan lingvan politikon de EU.

En la enkonduka aparolo Alejo VIDAL-QUADRAS, la vicpezidanto de EP por informada kaj komunikada politiko, akcentis, ke pro ekonomiaj, sociaj kaj psikologiaj aspektoj EU bezonas esencan ŝanĝon de ĝisnuna lingva politiko, ĉar ne estos ebla interpretado en pli ol 20 oficialajn lingvojn. EU devas konservi la lingvan riĉecon de Eŭropo, respekti homajn rajtojn kaj demokratiajn principojn. Li informis pri la klopodoj de EU efektivigi lingvan komunikadon pere de ponto-lingvoj {angla (A), franca (F), germana (G)} en la kazoj, kiam ne estas interpretistoj por rekta interpretado en koncernajn lingvojn aŭ pro ekonomiaj kialoj. En ĉi-prezento estis evidenta konflikto inter la teorio kaj praktiko, oficialaj renkontiĝoj kaj ĉiutaga vivo de EP kaj aliaj EU-institucioj.

Prof. Miguel SINGUAN, la socilingvisto de la Barcelona Universitato, atentigis pri la fakto, ke en la landoj de EU ekzistas ankaŭ neoficialaj lingvoj, lingvoj de minoritatoj kaj enmigrintoj, kies parolantoj ne havas samajn rajtojn, kiel civitanoj denaske parolantaj majoritatan lingvon. La nuna lingva sistemo de EU nesufiĉe protektas malgrandajn lingvojn kaj bezonas esti pli efika en la konservado de multlingveco en Europo. Ankaŭ li menciis la praktikatan interpretadon pere de la tri ponto-lingvoj (A, F, G) kaj, same kiel la antaŭa preleganto, ne donis proponon kiel solvi la problemon de la lingva komunikado. Tamen li konstatis, ke EU devos en proksima tempo dediĉi pli grandan atenton al tiu ĉi problemaro.

**La unua ronda tablo** – la hispanaj reprezentantoj en EU-institucioj - prezentis la lingvan reĝimon de EU, ripetis la informojn pri la uzado de tri ponto-lingvoj, la mankon de interpretistoj de malgrandaj lingvoj ktp.

En mia diskut-kontribuo (en limigita tempo 4-5 minutoj) mi klopodis atentigi pri kontraŭdiro de la EU-teorio de lingva politiko kaj ĝia praktiko, preferado de la plej potencaj naciaj lingvoj, neegalrajta pozicio de malgrandaj lingvoj. Mi menciis la fakton, ke la Konvencio pri estonteco de Eŭropo tute ne okupiĝas pri tiu ĉi grava politika problemo. EU ĝis nun parolas nur pri lingva komunikado en EU-institucioj, zorgas pri komunikado de elitoj, sed pere de la rekomendo, ke oni studu du aŭ tri lingvojn kaj fariĝu multlingvaj, faras nenion por simplaj civitanoj de EU. Mi atentigis, ke estas necese prikonsideri ankaŭ alternativojn, kiuj ĝis nun ne estis pro diversaj kialoj konsideritaj, solvojn, kiujn proponas la interlingvistiko pere de planlingvoj, nuntempe ekzemple per la plej disvastigita

el ili - Esperanto (simile kiel estis en la mezepoko la latina lingvo, pri kio informis prof. SINGUAN). Mi atentigis, ke bezonata estas diskuto pri nova lingva ordo de EU en du niveloj: 1) politika - komunikado inter landoj kaj en EU-institucioj, reprezentado kaj demokratia kontrolo; 2) civitana - edukado, komunikado kaj identeco (protekti nacian kaj evoluigi eŭropan identecon). Fine mi menciis la fakton, ke EU havas proprajn simbolojn: flagon, emblemon, himnon kaj ekde 2002 ankaŭ komunan monunuon: eŭron, sed mankas komuna eŭropa kaj identeca lingvo.

**La dua ronda tablo -** lareprezentantoj de Estonio, Pollando, Slovakio, Latvio, Rumanio kaj Hispanio - prezentis la poziciojn de ŝtataj lingvoj, statuton de minoritataj lingvoj kaj aliajn socilingvistikajn problemojn. Ili parolis pri edukado, kiu, elirante el la EU-praktiko, koncentriĝas al la plej potencaj lingvoj de EU. El tio rezultas la fakto, ke studentoj ne interesiĝas pri la studado de malgrandaj lingvoj.

Reprezentantoj de malgrandaj landoj ne konsentis kun la limigado de lingvoj al tri plej potencaj lingvoj sen antaŭa decido pri nova lingva politiko en novaj cirkonstancoj de la pligrandigita EU. Tiaj tendencoj kunportas negativajn aspektojn, kiuj ne kontribuos al pli granda kohereco de EU. Trafa estis la esprimo de la reprezentantoj el Estonio kaj Latvio, kiuj rilate al la nuna nekontentiga ligva politiko de EU diris, ke iliaj landoj jam estis en unu unio (la Soveta Unio) kaj tiu ne protektis iliajn lingvajn kaj kulturajn rajtojn; pro tio ili ne volus eniron en alian union (EU), en kiu ili finus simile.

La reprezentanto de Hispanio indikis nerekte, ke Hispanio ne estas kontenta kun la nuna EU-lingva politiko, kiu en la praktiko starigas la hispanan sur la duan aŭ trian lingvan nivelon en la lingva hierarkio malgraŭ tio, ke en la monda dimensio la hispana havas la duan rangon laŭ la nombro de lingvo-parolantoj tuj post la ĉina.

**La tria ronda tablo** – la reprezentantoj de Ĉeĥa Respubliko, Turkio, Bulgario, Hungario - same atentigis, ke intereso estas koncentrita al la plej grandaj lingvoj. La elekton de lingvoj por studado influas merkataj reguloj kaj lingva politiko en ĝia praktika formo ne stimulas civitanojn al la studado de malgrandaj lingvoj aŭ lingvoj de najbaroj.

**KONKLUDO:** Dum la seminario estis kelkfoje menciita bezono de esenca ŝanĝo de la ĝisnuna lingva politiko de EU, en kiu ekzistas konflikto inter teorio (ĉiuj lingvoj estas egalrajtaj) kaj praktiko (limigado de lingvoj en komunikado favore al la plej grandaj). EU parolas nur pri komunikado en la EU-institucioj kaj neglektas lingvan komunikadon de ordinaraj EU-civitanoj, al kiuj EU nur rekomendis studi du - tri fremdajn lingvojn, kaj por plifaciligo de lingva komunikado faras por ili en la praktiko nenion. Oni devos atentigi pri la fakto, ke necesas komenci diskuton pri la lingva komunikado en EU (se EU volas fakte eviti la ekzistantan interspacon inter EU institucioj kaj civitanoj) en du niveloj: 1) politika - komunikado inter landoj kaj en EU-institucioj, reprezentado kaj demokratia kontrolo, 2) civitana - edukado, komunikado kaj

identeco (protekti nacian kaj evoluigi eŭropan identecon). Dum EU en la praktiko apogas la plej potencajn lingvojn, plurlingvismo ne estas vera, ĉar la nuna lingva politiko de EU estas nur unudirekta rekomendo de grandaj ŝtatoj al malgrandaj studi iliajn lingvojn. Male tio jam ne funkcias (ekzemplo: en Britio estis aprobita la leĝo, ke britaj studentoj pli ol 14-jaraj ne bezonas studi fremdajn lingvojn - ili certe ne fariĝos plurlingvaj!). Grava estis la atentigo pri la fakto, ke oni devas en EU diskuti ankaŭ pri la rajtoj de civitanoj, kiuj parolas neoficialajn lingvojn de EU, lingvojn de minoritatoj kaj enmigrintoj.

**Miaj rekomendoj:** 1. Al la estraro de la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj de Slovakio - peti pere de la Misio de Slovakio ĉe EU en Bruselo la instituciojn de EU pri informoj pri la menciita konferenco/simpozio pri plurlingvismo kaj aliaj lingvaj temoj, kiu okazos en Bruselo komence de majo 2003, kaj montri intereson de Slovakio pri tiuj ĉi politike tre sentemaj temoj. 2. Al la slovakiaj registaraj institucioj kaj parlamentaj komitatoj (por eksterlandaj aferoj kaj por eŭropa integriĝo) kunvoki laborkunsidon de fakuloj el adresitaj institucioj, kiuj fariĝus membroj de laborgrupo pri protekto de plurlingvismo en EU, pri lingvaj problemoj de la pligrandigita EU, pri formulado de slovakia starpunkto al ĉi sentemaj temoj, kiu estus prezentita dum internaciaj diskutoj. Slovakio havu tute klaran starpunkton por postuli faktan, ne nur deklaritan egalrajtecon de la slovaka lingvo en la rondo de oficialaj lingvoj de EU. Ĝi iniciatu preparon de nova lingva ordo por EU/Eŭropo, por la defendo de la slovaka kulturo kaj ĝiaj valoroj, nacia identeco, garantio de egelrajta kaj efektiva lingva komunikado en la estonta Eŭropo, kiu samtempe apogus kaj kontribuus al evoluo de komunaj valoroj kaj eŭropa identeco. 3. Pere de la slovakiaj reprezentantoj en la Konvencio pri estonta Eŭropo estu iniciatita diskuto enkadre de la nacia konvencio (diskutforumo) kaj estu prezentita informo de la laborgrupo pri formulado de la slovakia starpunkto pri ĉi temoj.

**Aldone:** La Ambasado de Slovakio en Madrido informis nin pri la kritika artikolo de Ana Palacio, ministerino pri eksterlandaj aferoj de Hispanio, aperigita la 16-an de decembro 2002 en la tagĵurnalo EL PAIS sub la titolo "One Europe" (Unu Eŭropo). Ŝi tute klare atentigis, ke la demando de lingvoj estas unu el malfermitaj temoj, pri kiu pli frue aŭ mapli frue EU devos diskuti en la intereso de transvivo, eventuale vivkapableco de la eŭropa projekto. La diskuto estos grava ŝarĝigprovo de EU. La primara celo de la kritika polemiko estis protesto kontraŭ la unulingva angla slogano "One Europe" (Unu Eŭropo) kaj surtabligo de la demando de lingvoj kaj indiko de la tute klara pozicio de Hispanio, laŭ kiu la hispana lingvo, kiel unu el la mondskale parolataj lingvoj, meritas esti unu el gravaj oficialaj lingvoj de EU.

La hispana starpunkto povas helpi al Italio, Pollando kaj aliaj ŝtatoj, kiuj ne volas esti diskriminaciitaj, iniciati seriozan diskuton pri lingvaj problemoj en EU.

*Jozef REINVART*

## MIA PANJO INVITIS MIN

Ofte mi renkontiĝas kun mia amikino Mária, kiu apartenas al tiuj entuziasmaj virinoj, kiuj sian liberan tempon dediĉas al vasta popola kreemo. Ŝia fantazio kaj lertaj fingroj jam kreis diversajn ĉarmajn aĵojn, kiuj ĝojigis multajn homajn korojn. Amindaj estas precipe ŝiaj figuretoj el maizoŝelo, al kiuj ŝi kvazaŭ enspiradas vivon kaj ĉarmon.

Foje ŝi rakontis al mi tiun ĉi okazintaĵon:



Ŝi prepariĝis al ekspozicio en Ružomberok. La tempo mallongiĝis kaj ŝi pripensadis, kion alporti por la ekspozicio. Subite ŝi ekmemoris sian karan patrinon kaj imagis ŝin, kiel ŝi ligadis sian kaptuketon. Tio estis vera rito. Panjo karesante prenis du pintojn de la tuko en la manojn. Poste ŝi rektigis ilin kaj fine malrapide ligis la tukon. Ĉi tiu rito estis en la memoro de mia amikino ankaŭ post la forpaso de la patrino. Post ideo sekvis ago. Tuj ŝi eksidis kaj ŝiaj lertaj manoj diligente laboris kun susurantaj maizoŝeloj kaj post mallonga tempo la figureto de la panjo estis preta.

Kune kun aliaj aĵoj ŝi sendis la pupeton al la konkurso. Kia estis ŝia surprizo, kiam post kelke da tagoj ŝi ricevis invitilon sur kiu estis bildigita ŝia figureto. Kun ĝojo kaj feliĉo ŝi ekkriis: "Mia patrino invitis min!"

Fin-fine ŝi partoprenis la konkurson kaj ŝia "panjo" akiris la premion. Kun amo kaj dankemo ŝi rememoradas la forpasintan patrinon, kiu eĉ per tiu ĉi maniero preparis por ŝi neforgeseblajn momentojn.

*MaTo*

*Lastan fojon ni renkontiĝis kun nia samideano Ernest GELETA, la vicprezidanto de ESO, dum la oktobra kunsido de SKEF-konsilantaro. Tiam li enmanigis al mi la supran poemeton propramane subskribitan. Ĝi fariĝis la lasta memoraĵo pri larĝkora homo, bona amiko, multjara esperantisto kaj granda skribemulo, kiun ni lastan fojon adiaŭis sabaton la 22-an de februaro 2003 en la tombejo en lia naskiĝloko Pribeta proksime de Nové Zámky.*



*Ernesto, por ni multaj Ernö-báči, naskiĝis la 25-an de decembro 1927. Li vivis en Nové Zámky, kie li dum multaj jaroj instruis kiel mezlerneja profesoro geografion kaj biologion. Esperanto estis lia vivo-amo, dum la lastaj jaroj li sindediĉis nur al ĝi. "Mi eĉ sonĝadas pri kaj en Esperanto", ofte li diradis. Ernesto GELETA estis internacie konata instruisto de Esperanto, dum dudek jaroj li organizadis la tradiciajn Ĉedanubajn renkontiĝojn. Li havis grandan senton por humoro. Li verkis multon; ankaŭ en eksterlando oni konas liajn ŝercajn aforizmojn, la pli kaj malpli longajn versaĵojn laŭalfabete ordigitajn, ĉerpantaj el la E-vortaro.*

*Ernesto GELETA mortis la 14-an de februaro 2003 pro cerboatako en sia neĝisvivita 75-a vivojaro.*

*La entombigon partoprenis kvin gesamideanoj el ESO kaj kvin el MEL. Nome de ESO kaj SKEF adiaŭis nian karan amikon en tri lingvoj: slovake, hungare kaj esperantlingve Alica KOMLÓŠIOVÁ.*

*Ni perdis veran amikon kaj eminentan esperantiston.*

*HONORO AL LIA MEMORO!*



## REMEMORE PRI MILAN ZVARA

*La revuo LA GAZETO, eldonata de la Esperanto-Klubo en Metz (FR), en sia 104-a numero aperigita fine de la januaro 2003, omaĝis al la slovaka esperantisto Milan ZVARA:*

*"Milan ZVARA forlasis nian mondon antaŭ unu jaro, la 30-an de januaro 2002."* - staras en la enkonduko subskribita de Madeleine de ZILAH. Kadre de la rubriko NIA TRIBO sur kvin paĝoj pri nia elstara esperantisto rememoras s-ino de ZILAH kaj Milan NEUBELER, kiu tradukis el la slovaka la intervjuon kun M. ZVARA aperigitan pasintjare en la slovaka ĵurnalo SLOVENKA *(Slovakino)*. Foto pri Milan ZVARA ĉirkaŭbrakanta la arbon bonstile finas la koncernan numeron sur la dorsa kovrilpaĝo de la revuo.

✍ Gratulon por ES, n-ro 2/2002, kiu denove estas pli riĉa kaj pli interesa. Bone, ke ĝi enhavas kelke da aktualaj artikoloj, legaĵoj, informoj kaj daŭrigas lingva angulo. Ni povas en ĝi trovi ankaŭ krucvortenigmon, danke al s-ano Ivan Slávik, kiu ĉiam riĉigas per tiu ĉi bona kaj utila amuzeto nian gazeton.

Vere oni devas vidi kaj scii, kiel laboras kaj aktivas la aliaj. Tio estas bona motivigo por tiuj, kiuj ankoraŭ hezitas kaj ne kuraĝas kunlabori. Sed ni devas konvinki niajn abonantojn, ke nia gazeto aperis, aperados kaj restos regula gvidilo por ĉiu esperantisto.

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto nad Váhom*

Tre granda plezuro estis legi la artikolon pri ni kaj pri Brazilo. La artikolo "Bona vespero en la Januara Rivero" estis interesa kaj ni montris ĝin al ĉiuj niaj klubanoj en KKE, kiuj vin konas. Ĝi taŭgos al ni ĉiuj, por ke ni sciu bone zorgi pri niaj gastoj. Alia surprizo: „Ni kongresis“! Fakte estis granda surprizo legi tiun ĉi artikolon en la alia numero de la ĉarma Esperantisto Slovaka.

Por niaj klubanoj estis vere interese legi Esperantiston Slovakan. La revuo havas gravajn mesaĝojn por ĉiuj esperantistoj en la mondo. Daŭrigu vian laboron. ✍

*Kisojn, multe da kisoj de viaj brazilaj geamikoj Almir kaj Zilda*

✍ ... por via sendado de la gazeto Esperantisto Slovaka akceptu vere miajn plej sincerajn dankojn, ĉar vi kaŭzis al mi grandegan ĝojon. ...viaj gazetoj helpis al mi krom alia ankaŭ akiri datojn de diversaj E-aranĝoj por publikigi ilin en nia E-propag-montrofenestro en Plzeň ...

*Václav KAPRÁL, Kaznějov, CZ*

Karaj samideanoj,

lastatempe okazadas, ke al mia kesto alvenas retmesaĝoj, kies teksta parto estas malplena, kaj kiuj enhavas almetaĵon forme de dosiero por Word (*.doc-a dosiero).

Mi ŝatus admoni, ke ĉi-praktiko havas en mia poŝtkesto du efikojn: ĝi terure pezigas ĝin, kaj eĉ mi ne povas ekscii la enhavon de la mesaĝo (simple mi ne povas ĝin legi).

Doc-oj estas multe pli larĝaj (eĉ 50-oble!) ol samenhavaj tekstaj (*.txt) aŭ html-aj dokumentoj; krome, la doc-a formo ne estas standardo, ĝi estas formo apartenanta al la programo Word, kiun ne ĉiu devas havi kaj uzi; (la lasta punkto koncernas nocion por e-istoj tre gravan: lingvan demokracion).

Tial mi petas ĉe retmesaĝoj, ke oni laŭeble evitu uzon de *.doc kaj ekuzu, se eble, *.txt aŭ (se bezonatas riĉa teksto, ekz. kun italiko, diklitere,...) *.html.

Se vi laŭos, vi pliekvilibrigos (ne nur mian) vivon en la retspaco. ✍

*Martin MINICH*

**DE IVAN SLÁVIK**

## ESPERANTO ESTAS LA PLEJ BONA...

*(daŭrigo en la kaŝfrazo)*




**HORIZONTALE:**
**A. La unua parto de la kaŝfrazo.** B. Figur' havanta formon de ovo – pseŭdonimo de iama redaktoro de Esperantisto Slovaka, Ludoviko Izák – greka dio de amo. C. Nomo de la kvina tono en la muzika gamo – subtenas kaj firmigas objekton pere de alia – sufikso esprimanta personon, kiu profesie sin okupas pri la afero difinita de la radiko. D. Mallongigo de UEA por la membro kun jarlibro – membroj de iu grupo aŭ societo – dramparto, enhavanta kelkajn scenojn – fonetika mallongigo de tuno. E. Akvoŝvelo sur maro – elstara slovaka esperantisto, funkciulo en la 20-a jarcento, bratislavano (Paŭlo) – faritaj el la flava valora metalo. F. Supernatura ĉiopova estaĵo – masonita aŭ metala fajrujo kun fumtubo por hejtado en la ĉambro – prepozicio montranta la tempon, en kies daŭro io oakzas. G. Sufikso esprimanta la agon de la kaŭzo – granda ŝtono nature firme fiksita en iu loko – fonetika nomo de la latina litero X – membro-abonanto de UEA. H. Prepozicio montranta la kaŭzon aŭ motivon de ago – esprimo por "mola" muzika gamo – malutila dentoskrapa eta mamul', parenca al muso, sed pli granda – **la dua parto de la kaŝfrazo**. I. **La tria parto de la kaŝfrazo.**

**VERTIKALE:** 1. Tutmondo, universo – mallongigo de diplomo. 2. Produktoj de la kokinoj – malhela, samkolora kiel karbo. 3. Prefikso montranta ideon logike kontraŭan al tiu, kiun montras la radiko – respekteg' kaj honoreg' (kutime al Dio) – oksigeno kaj nitrogeno en kemio. 4. Germana aŭ pola historia lancisto – interpunkcia signo (,). 5. Filo de la filo – urbo en sudorienta Pollando proksime ĉe Kielce. 6. Miksaĵo de kunfanditaj metaloj – ne kontraŭstaranta al premo, facile cedanta materio. 7. Fiksas, ĉirkaŭvolvas per ŝnuro aŭ ĉeno – hejma nomo de Irlando. 8. Elstara slovaka esperantisto de la 20-a jarcento, redaktoro de ES, martinano (pseŭdonimo ELIZ)– adverbo signifanta plie, same, egale. 9. Dometo de birdoj – duklapa manĝebla molusk'. 10. Nom' de grajno de greno senigita de ŝelo kaj maldelikate pistita – regula aranĝo de aferoj – prepozicio signifanta disdividon ŭzata antaŭ la numeraloj). 11. Libere pendanta ekstrem' de la spino ĉe multaj animaloj hundo, simio, kato) – kemiaj simboloj de oro, molibdeno kaj fosforo. 12. Partoj de la skeleto – oceano.

Helpo: Rakov, Eire

## H I H I H

*Estimataj, bv. akcepti deziron de prospera nova jaro 2003, multe da laboraj kaj personaj sukcesoj en via E-agado. Mi sendas solvon de la krucvortenigmo de ES 2/2002:* ***"Kuraĝe kaj elegante babilu vi Esperante"****. Salutas Milan SMĚLÝ, Prostějov,CZ.*

La ĝustan solvon sendis ankaŭ Mária TOMAŠOVIČOVÁ el Nové Mesto nad Váhom kaj ŝi aldonas: *"...tio ankaŭ povus esti moto por la jaro 2003."*

